# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, novembro 2007

psviana@terra.com.br

## BEL-KONFERENCOJ: PRETA KAJ JAM DISVASTIGATA ALTNIVELA PROGRAMO

Kun la celo plu klerigi la Esperantistan popolon kaj amike kunvivadi, jen prezentiĝas bela okazo ĉeesti en Lorena/SP, en la dimanĉo kaj lundo de la Karnavalo 2008. Dum tiuj tagoj, trafiko sur ŝoseoj estos sufiĉe trankvila. Altnivelan prelegaron preparis BEL, kun la intenco eldoni kajeron disponigotan al ĉiuj BEL-membroj. Prelegos kaj respondos demandojn: Aloísio Sartorato (RJ), Floriano Pessoa (RJ), Francisco Wechsler (SP), Geraldo Mattos (PR), James Piton (SP), José Passini (MG), Syla Chaves (RJ). La temoj de la prelegoj rilatos al Esperanta kaj ĝenerala kulturo. La sidejo: Domo de Kulturo de Lorena, en la urbocentro: R. Viscondessa de Castro Lima, 10. Petu la programon al la redaktoro de "BEL informas". Kaj helpu diskonigi ĉi tiun gravan eventon!

## MARITZA GUTIERREZ SENDAS MESAĜON

La respondeculino pri Amerika Komisiono de UEA sendis al ni la jenon:

"Pere de brazila samideano Fabiano, mi ricevis vian informilon kaj ĝin taksas tre pozitiva kaj bela. Ĝi certe utilas al la brazila movado kaj al ĉiuj gesamideanoj kiuj interesiĝas pri via lando. Mi aparte ĝuas viajn novaĵojn, kiuj konfirmas la viglon kaj potencialojn de la brazila movado. Ĉu vi povas diskonigi pri la venontjara Tutamerika Kongreso en Kanado? Bv. inviti la legantojn viziti la retejon de la Amerika Komisiono de UEA kie vi trovos plurajn informojn pri eventoj kaj ĝenerale pri la amerika movado: www.ameriko.org

Nome de la Amerika Komisiono, Maritza Gutierrez."

## DENOVE ENTUZIASMA LETERO EL AMAZONIO

Jen ni denove ricevis entuziasm(ig)an leteron el Amazonio. Jen resumo:
"Mi estas Valdenir Araújo Pessoa, mi loĝas en Santarém, Pará. Mi estas intruisto pri la Portugala Lingvo. Ni nuntempe klopodas reaktivigi nian E-Asocion, fonditan antaŭ pli ol 20 jaroj kaj bezonas helpon. La tuta movado en Amazonio estas nia celo. Mi sendis leteron al samideanoj en 11 urboj en la regiono kaj jam ricevis kelkajn respondojn. Ni reaktivigos Fonduson Amazonio, por helpi tiujn asociojn kaj izolulojn. Ni disponas pri Katalogo Amazonio, kun adresoj de Esperantistoj. Mi persone subtenos la financan flankon de tiu inicitato. Sed ni bezonas la apogon de BEL, por diskonigi nian planon. En novembro mi komencos bazajn kursojn ĉe du lernejoj en Santarém. Valdenir Araujo Pessoa, SEA-Prezidanto, Caixa Postal 19, CEP 68.005-970 - Santarém – Pará , blog: santaremesperantoasocio.zip.net."

## "BEL-CONFERÊNCIAS": PROGRAMA PRONTO

Para estimular a cultura e a convivência, uma bela oportunidade será o evento do domingo e segunda de Carnaval de 2008. Serão palestras e debates de alto nível, na Casa da Cultura de Lorena. O programa está pronto, disponível pelo end. eletrônico desta redação. Participe e ajude a divulgar!

## MARITZA GUTIERREZ ENVIA MENSAGEM

Eis a mensagem da responsável pela "Comissão das Américas", da UEA: "Recebi seu boletim, que é útil a todos e mostra o potencial do país. Peço que divulguem o Congresso Panamericano que ocorrerá no Canadá, em 2008. Informações em www.ameriko.org ".

## NOVA CARTA ENTUSIASMADA DA AMAZÔNIA

"Sou Valdenir A. Pessoa, de Santarém, Pará. Estamos tentando reativar o "Fundo Amazônia", visando o movimento Esperantista da região. Enviei carta a 11 cidades e já vieram algumas respostas. Disponho de um Catálogo de Endereços da região e estou disposto a arcar com as despesas da iniciativa. Preciso do apoio da BEL para divulgação. Em novembro, estou iniciando cursos básicos em escolas de Santarém.
SEA-Prezidanto, Caixa Postal 19, 68005-970, Santarém, Pará. Blog: <www.santermesperanto.zip.net>."

## FIM DE ANO – TEMPO DE RENOVAR A ADESÃO !

**Jarfino — tempo por remembriĝo!** BEL 100-jara!

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

Redaktas: Paulo Sergio Viana, novembro 2007

psviana@terra.com.br

## ESPERANTO-GRUPO VERDA LUMO SALUTAS

Arnaldo A. Oliveira salutas la skipon de "BEL informas" nome de la simpatia E-Grupo, kiu funkcias en la kvartalo Santana, en la ĉefurbo San-Paŭlo. Tie okazas bazan kaj konversacian kurson. En la urbo Guarulhos / SP, Arnaldo instruas ankaŭ en spiritisma medio. Kontaktu: R. Lourenço G. Nunes, 147, Jardim Rosa de França, 07081-040 Guarulhos / SP

## LABORGRUPO EN JUIZ DE FORA / MG SIN PREPARAS POR LA BRAZILA KONGRESO EN 2009

Ângela Faria, Prezidanto de KEA, anoncis por 21/10/2007 unuan kunvenon por plani la organizadon de la 44-a Brazila Kongreso de Esperanto, kiu okazos en tiu urbo. Ŝi petas ĉies apogon. Gratulon!

## ESPERANTO-ASOCIO EN BAHIA PETAS APOGON

Proponante prelegojn, kunsidojn, kursojn, koruson kaj fratan kunvivadon, la simpatia grupo petas apogon per aliĝoj kaj vizitoj: ASSOCIAÇÃO BAHIANA DE ESPERANTO – ABE - TELEFAX (71) 3233-0809/3384-8317 - RUA CÔNEGO PEREIRA, 47 - MATATU - SETE PORTAS – 40302-270 Salvador/ BA

## INVITO AL REGIONA RENKONTO EN "BAIXADA SANTISTA"/SP

La evento okazos je 01/12/2007, en S. Vicente /SP. En la programo, teatraĵo, informoj, koruskantado, gruplaboro por disvastigado de Esperanto, ekzpozicioj, lunĉo. Detaloj ĉe: Emilio Cid, www.esperantosantos.uni.cc.

## DISERTACIO PRI ESPERANTO EN SAN-PAŬLO

Ni ricevis gravan sciigon de Edgar M. Egawa: "Je la 12-a de novembro, ĉirkaŭ la 7-a vespere, mi defendos mian eseon "Esperanto - Kultura kaj Komunikeca Kunteksto" en la Fakultato de Ĵurnalismo Cásper Líbero, ĉe Av. Paulista, 900, 5a etaĝo – San-Paŭlo." Plaĉus al ni ricevi pli detalajn informojn.

## TELEVIDO PRI ESPERANTO: "TV SUPREN"

El Brasília / DF venas grava informo. Legu mem la mesaĝon de tiea aktivulo: "La 1-an de decembro, União Planetária inaŭguros sian 24-horan persatelitan televidkanalon. Notindas la fakto, ke la nomo mem de la nova televidelsendejo, ne hazarde, estas en Esperanto. Temas pri TV SUPREN, kiu elsendos programojn i.a. pri Natura Kuirado, Taj Ĝi Ĉŭan, Jogo, Meditado. Memkompreneble unu el tiuj programoj estos pri Esperanto, kadre de tutmonda interkompreniĝo. Komence de 2008, nia programo "Monda Familio" prezentos i.a. intervjuojn kun esperantistoj, esperantajn filmojn kaj kanzonojn, kursojn, eventojn de internaciaj kongresoj, novaĵojn pri E-movado. Jen sendube sen-egala oportuno helpi plian disvastigon de Esperanto. Demandindas: Kiel vi, leganto, povos kontribui tiucele? Tre amike, informis: Paulo Nascentes, Nukleo de Esperanto de União Planetária

### GRUPO "VERDA LUMO" MANDA NOTÍCIAS

Arnaldo A. Oliveira informa que o grupo funciona no bairro de Santana, S.Paulo /SP, com cursos básico e de conversação. Visite!

### JUIZ DE FORA SE PREPARA PARA O CONGRESSO DE 2009

Angela Faria covida para a primeira reunião de organização do 44° Congresso Brasileiro de Esperanto e pede apoio. Parabéns!

### ASSOCIAÇÃO BAIANA PEDE APOIO

Com muitas atividades, a ABE convida a visitas, adesão e participação, em Salvador / BA.

### ENCONTRO NA BAIXADA SANTISTA / SP

No programa, teatro, informações, dinâmica de grupo, coral, exposições. Em São Vicente / SP, em 01/12/2007.

### DISSERTAÇÃO SOBRE ESPERANTO EM SÃO PAULO

Importante notícia vinda de Edgar M. Egawa, na Faculdade de Jornalismo Cásper Líbero, em 12/11/2007. Tema: "O Esperanto no Contexto da Comunicação". Aguardamos mais detalhes.

### "TV SUPREN" DIVULGA O ESPERANTO

O conhecido ativista do Esperanto, Paulo Nascentes, de Brasília, anuncia um novo canal de TV, que começará a funcionar por satélite, por iniciativa da "União Planetária". No programa "Família Mundial", haverá temas variados, inclusive Esperanto, com noticiário, entrevistas, música, filmes, etc. Paulo Nascentes convida o leitor a participar. www.uniaoplanetaria.org.br

**Mande suas notícias: nós queremos saber!**